# Hispana Esperanto GAZETO

1a jaro AUGUSTO 1931 N-ro 5

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## HISPANA ESPERANTO ASOCIO

Ĉar estas nepre necese ke nia Asocio havu provizoran Prezidanton ĝis kiam ĝi okazigu Kongreson je 1932, la Centra parto de la Direktanta Komitato decidis proponi al la Delegitaro de H. E. A. nian samideanon Sron Julio Mangada Rosenorn por la provizora Prezidanteco. La propono estis al celo por plej bona frukto al H. E. A. dank' al lia konstanta agado kaj bonaj rilatoj ĉe la Registaro. La Delegitaro sin decidis favore al la propono; pro tio mi sciigas al la membraro de H. E. A. la elekton; do, Sro Mangada, de hodiaŭ, estas nia provizora Prezidanto.

La Sekretario de H. E. A.,

Mariano MOJADO

1a augusto 1931.

## BILDOJ DE ĈI NUMERO

Jaca estas rimarkinda bela urbeto de la aragona Pireneo proksima de la landlimo kun Francujo, kaj en kiu okazis, je la pasinta decembro la ekrevolucion. Tre progresema, simpatia kaj sindonema estas la urbo, el kiu vidiĝas sur ĉi paĝoj: unue, la enirejo al la citadelo, kiu estas rimarkinda juvelo de la milita konstruarto, kvinpinta fortikaĵo de la komenco de la Moderna Epoko; due, turo de la karcero hodiaŭ, iam de palaco, kun belaj gotikaj fenestroj hodiaŭ kripligitaj; trie, moderna, komforta konstruaĵo de la somera Universitato, kiun ĉeestas



*JACA.—Enirejo de la Citadelo.*

multenombraj fremduloj kaj enlandanoj, ĉar ĝi funkciadas de antaŭ kelkaj jaroj kun granda sukceso, allogante fremdulojn pro la instruoj, beleco kaj saneco de la kamparo ĉe la koro de la grandioza pirenea montaro, strategia loko al plene interesaj ekskursoj por admiri belajn pejzaĝojn, artajn monumentojn kaj rimarkindajn historiajn lokojn; allogante fremdulojn pro la superegaj karakterizoj de la loĝantoj kaj pro la malkareco de la restado. IV, belega gotika pordo de Kapelo, en la tre malnova monaĥejo San Juan de la Peña, konstruaĵo starigita interne de vastega groto je la IX jarcento, kie eknaskiĝis la aragona milito kontraŭ la araboj, en kiu loĝis monaĥoj kaj kavaliroj-monaĥoj. Bela ekskurso estas al San Juan de la Peña de Jaca, ĉar Naturo estis malavara al ĝi; tradicio, plene alloga; historio, interesiga; arto, tute kontentiga.

## PRI NIA ASOCIO

Tre rozkolora prezentiĝas horizonto al la esperanta agado dum la tuj venonta kurso. La ĝenerala Direktoro de Unua Instruado sin montris komplezema al grava plano prezentita de mi por instruado de Esperanto al Geinstruistoj kaj apliko de Esperanto por praktika interŝanĝo de lernantoj kun aliaj landoj, kaj ĉi laboron helpos la ministro de Publika Instruado, kun kiu mi havas fratajn rilatojn.

Atentu ankaŭ, ke nia Asocio kalkulas nun tri PARLAMENTANOJN, ili estas S-roj Francisco Azorín, Rodrigo Almada kaj Cayetano Redondo, kaj ĉi lasta ankaŭ urbkonsilanto de Madrido. Ĵus la Ministerio de Publika Instruado donis la estrecon de l' Instituto por Surdmutuloj kaj Blinduloj al nia kompetenta samideano, membro de H. E. A., S-ro. Sidonio Pintado.

Pro mia konstanta rilato kun la diritaj samideanoj mi volis esperigi vin pri la granda laboro, kiun ni entreprenos je la aŭtuno, ĉar ankaŭ en la tre grava Ateneo de Madrid, kie ĵus mi malfermis someran kurson kun kvindek gelernantoj, interesiĝis pri Esperanto multaj altrangaj personoj de la intelektularo, kaj mi povas komuniki al vi ke eĉ la Prezidanto de la Provizora Registaro, preskaŭ certe la Unua Prezidanto de la Respubliko Hispana, interesiĝis pri Esperanto, laŭdante la lingvon per letero al mi, kiun li skribis de la Madrida Karcero al fortikaĵo Coll de Ladrones (mia tiama malliberejo), okaze de peto pri opinio post dediĉo de mia lernolibro. Evidente, do, estas, ke nia Asocio ekiros bonan vojon baldaŭ.

Ankaŭen kun fido!

J. MANGADA ROSENORN

## PRI HISPANUJO

Hispanujo, per ora ŝlosilo, fermas la Mezepokon kaj malfermas la Modernan Epokon; ĝi estis tiam la reprezentanto de la civilizo, la portanto de la standardo de la kulturo same, kiel iam estis Grekujo, kiel iam estis Romo; jarcento kiam niaj pensantoj semis semojn el novaj sciencoj en la eŭropaj aŭloj, dum aliaj hispanoj metis semojn por starigi novajn naciojn. Granda aro el titanoj, el gigantaj figuroj, el duondioj, supermezura por legenda ciklo preskaŭ mitologia, pli supera ol tiuj de la *Iliado* kaj de l' *Ramayana*: la *Granda Kapitano* kaj *Ferdinando la Katolika, Vasco de Gama, Alburquerque, Magallanes* kaj *Hernán Cortés, Vives, Suárez, Vitoria, Servet, Antono Agustín, Lope de Vega, Cervantes, Velázquez...*, teksis grandiozan kronon, kaj ĉi krono estis tiel grandioza masiva kaj glora, ke dank' al ĝi ankoraŭ vivas kaj certe vivados eterne en la memoro de la homaro kaj okupados gravan lokon en la universala historio tiuj homoj, kiuj longedaŭre estus efikintaj ĉe la hegemonio de la blanka raso eĉ de aliaj rasoj de la vidpunktoj praktika kaj intelekta, se ili estus lasintaj posteulojn. La Komparata Geografio kaj la Fizika Geografio, la Ĝenerala Gramatiko, la Pedagogio, la Filozofa Metodo, la Roma Juro, la Natura Juro, la Genta Juro, la Teorio pri la Politika Subereneco, la Teorio pri la Fontoj de la Juro, la Antropologio, la Karcera Scienco, la Numismatiko, eĉ aliaj sciencoj, naskiĝis en Hispanujo, je tiu hele elradianta horo de nia historio, kiam la hispana cerbo estis la cerbo de Eŭropo, kvankam, instruinte rapide, ĝi translokiĝis en alian plej feliĉan lokon.

## REFORMA DEL REGLAMENTO DE H. E. A.

Con objeto de aclarar y evitar toda clase de torcidas interpretaciones, manteniendo la esencia del primitivo Reglamento presentado por nuestro samideano D. Francisco Azorín en el Congreso de Madrid y aprobado por el mismo, se redactó un proyecto que aclaró conceptos y estatuyó también claramente puntos que podían dar lugar a duda en su interpretación o aplicación. Este proyecto fué ampliado por nuestros compañeros de Madrid D. Luis Rodríguez Escartín y don Julián Sosa, y remitido, para su estudio y enmienda, a los samideanos señores Azorín, de Córdoba; Anglada, de Barcelona; Menéndez Rúa, de Gijón; Carnicer, de Zaragoza, y a los samideanos de Sevilla; y, con las rectificaciones consiguientes, se ha preparado el que se inserta a continuación, para que todos los miembros de H. E. A. puedan estudiarlo y corregirlo, a fin de presentar a discusión el defi-

nitivo en el próximo Congreso, que habrá de celebrar H. E. A. en el venidero mes de mayo. La aprobación de este proyecto deberá servir de base para pedir en el Congreso Universal de París de 1932 la celebración del de 1933 en Madrid; y conviene celebrar nuestro Congreso Nacional en mayo, para presentar en París argumentos convincentes, a fin de que se nos conceda la organización y celebración del Congreso Universal para 1933.

Conviene que los H. E. A.-anos que propongan enmiendas al proyecto las escriban con toda claridad, citando el artículo a que se refieran, y enviándolas a la Secretaría de la Asociación.

---

## PROYECTO DE ESTATUTOS
## de la Asociación Esperantista Española

---

### Objeto de la Asociación

Artículo 1.° La ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA (H. E. A. = *Hispana Esperanto Asocio*, en Esperanto) tiene por objeto propagar y aplicar la lengua «Esperanto» en España, acelerar su adopción oficial por el Estado en la enseñanza y facilitar su uso por todos los medios posibles, apartándose en absoluto de cuestiones sociales, políticas y religiosas.

### De los socios

Art. 2.° Serán socios de H. E. A. cuantas personas y entidades acepten y cumplan este Reglamento; constarán de tres categorías:

A) Numerarios, que pagarán una cuota anual de *dos* pesetas;

B) Protectores, que serán cuantos paguen anualmente una cuota superior a la señalada para los numerarios; y

C) Honorarios, que serán aquellos que, por su altruísmo y valer, hayan prestado, presten y puedan prestar un apoyo efectivo a la Asociación. Esta categoría será dada por el Congreso o Asamblea general de la Asociación, a propuesta de la Junta directiva, que expondrá a la Asamblea los méritos del propuesto.

Siendo anual la cuota, se tendrá en cuenta que el carácter de socio queda en suspenso hasta el momento de pagarla, y que, en caso de adeudar dos de ellas, la suspensión pasa a ser baja definitiva; debiendo siempre, en caso de reingreso, abonar las dos cuotas aludidas. Claro está que lo que antecede atañe a aquellos que no pidieron su baja por escrito en momento oportuno, dejando correr el tiempo sin aviso alguno, pues de haber solicitado o pedido la baja, estando en el pleno derecho

de socio, bastará abonar la cuota corriente al pedir el reingreso. Para no interrumpir dicho carácter de socio y por conveniencia de la organización, se procurará pagar la cuota de cada año en el mes de diciembre anterior.

Todo socio que con su conducta dificulte la buena marcha de la Asociación, con el consiguiente perjuicio para ésta, será dado de baja, Para ello, será suspendido en sus derechos sociales por el Comité Central Ejecutivo, que abrirá un expediente informativo, sustanciado pór una Comisión compuesta de dos Vocales y uno de los miembros del Comité Central Ejecutivo, elegidos por sorteo. El dictamen de la Comisión será puesto en conocimiento de todos los elementos que integran la Junta directiva (Comité Central Ejecutivo y Vocales Regionales), quienes, por votación, decidirán en definitiva.

Los socios pueden delegar entre sí para la discusión y votación de los asuntos sociales, pudiendo ostentar un socio una delegación sin límite en número de representados, mediante documento o documentos acreditativos de la representación o representaciones.

Todo socio es libre para dirigirse directamente a los demás proponiendo, exponiendo, informando, etc.; pero cuando tenga que interesar algo de la Asociación, lo hará a la Directiva, por medio de sus Vocales regionales.

Art. 3.° Aun cuando H. E. A. está integrada por individuos, es recomendable que éstos, los socios, se agrupen local y regionalmente para una más ordenada e intensa actuación esperantista; pero para esta organización local y regional, los asociados a H. E. A. quedan en libertad absoluta para darse sus respectivos Estatutos, organizar y practicar su acción, siempre contando con el apoyo moral y material, si es posible, de H. E. A., pues ésta está obligada, velando por su objetivo principal, a mantener con dichas organizaciones una constante y leal colaboración y a prestarles todo el auxilio posible para el mejor desarrollo de aquéllas y consecución de sus fines, que son también los generales de H. E. A.; siendo así factible, sin merma de la libertad individual dentro de la Asociación general, establecer toda clase de subagrupaciones, de conformidad con los deseos y aspiraciones más opuestos, que siempre encontrarán simpatizantes y campo donde realizar su acción.

**De la Directiva**

Art. 4.° Siendo el objeto principal de la Asociación procurar que se incluya la enseñanza del «Esperanto» en la oficial del Estado, se establecerá un *núcleo central de directivos en Madrid*, para que puedan estar en contacto constante con el Gobierno y con cuantas

Instituciones oficiales puedan favorecer aquélla y las demás finalidades de H. E. A. Así, pues, la Directiva constará de *una parte central*, que puede titularse *Comité Central Ejecutivo*, compuesto por el Presidente, el Vicepresidente, el Secretario y el Tesorero, elegidos de entre los socios residentes en Madrid; y, además, de DOS VOCALES por región, siempre que existan en ella dos esperantistas socios que, por razón natural, en este caso, vienen a serlo por derecho propio hasta que haya más de dos, pasando entonces a su elección o ratificación. Los Vocales regionales accidentalmente en Madrid, o que hubiesen acudido expresamente para ello, presentes en las reuniones de dicho Comité en uso de su derecho, integran ocasionalmente el Comité Central Ejecutivo con la *parte central* aludida; y, con dicho fin, las reuniones del Comité se determinarán para un día fijo de cada mes y hora u horas en el domicilio social, prorrogables en caso de necesidad;



*JACA.—Turo de la Karcero.*

entendiéndose que, con la fijación de ese día, quedan convocados para siempre los Vocales regionales a las citadas reuniones. Se consignarán inexcusablemente en las actas los nombres de los asistentes.

Si las circunstancias aconsejan variar el día de reunión, las horas y el domicilio, total o parcialmente, se comunicará con la anticipación suficiente, explicando los motivos del cambio, y si es con carácter circunstancial o cómo, a los Vocales regionales, para que éstos estén siempre en condiciones de poder asistir.

Art. 5.° El Comité Central Ejecutivo será elegido por votación general de los Vocales regionales; los Vocales regionales serán elegidos por votación exclusiva de los asociados de cada región en su respectiva demarcación, para darse así sus representantes, sin intervención de los asociados de las demás regiones ni del Comité Central Ejecutivo.

Los Vocales regionales darán cuenta de su nombramiento al Presidente de la Asociación, y el Comité Central Ejecutivo comunicará los correspondientes nombramientos a los de las otras regiones.

Art. 6.° El nombramiento de Junta Directiva tendrá lugar cada dos años durante el mes de diciembre, siendo todos los cargos reelegibles. Los de Presidente, Vicepresidente, Secretario y Tesorero son reemplazables entre sí en sus atribuciones y obligaciones, pudiendo también reemplazarlos en caso preciso los Vocales regionales de Castilla la Nueva, si residieran en Madrid.

Art. 7.° Estando determinado fijamente el día de reunión de la Directiva, el Comité Central Ejecutivo procurará, con anticipación suficiente, someter a los Vocales regionales cuantos asuntos deban tratarse en la reunión mensual; sin embargo, para los asuntos corrientes de trámite, como cuando en algún caso proceda obrar con toda urgencia por aconsejarlo las circunstancias al surgir ocasiones, trabajos o cuanto pueda favorecer las finalidades (o cualquiera de ellas) de H. E. A., incluso reuniéndose en Junta extraordinaria en cualquier momento y lugar, el Comité Central Ejecutivo procederá desde luego, pero siempre dando inmediata cuenta de lo actuado y del por qué de tal actuación a los restantes directivos.

**Del Congreso o Asamblea**

Art. 8.° Dada la conveniencia de realizar actos demostrativos de la existencia y progreso del «Esperanto» y de la vitalidad de la Asociación, de demostrar prácticamente lo que es el «Esperanto», de convivir los esperantistas durante algunos días, realizando una intensa y práctica propaganda, procede celebrar anualmente, si es posible, un Congreso o Asamblea de H. E. A., a la que también

podrán adherirse cuantos esperantistas nacionales y extranjeros lo deseen y cuantos simpaticen con el «Esperanto».

Art. 9.° Se dará la mayor importancia a estos Congresos, desarrollando en ellos conferencias, fiestas, exposiciones y toda clase de actos en que el «Esperanto» sea nota saliente, sin perjuicio de que también se organicen excursiones, fiestas y actos que, sin ser esperantistas, puedan ser motivo de atracción de gentes con las que establecer contacto, que aprovecharán las ventajas de la organización y celebración del Congreso y se interesarán por nuestro ideal, predisponiéndolos a ingresar en nuestro movimiento.

Art. 10. En la celebración de un Congreso o Asamblea se tendrá muy presente la conveniencia de desarrollarlo en aquella localidad que las circunstancias aconsejen en relación con el mayor resultado práctico a alcanzar. Para ello, la Directiva explorará la voluntad de los asociados en una u otra localidad para organizarlo, si un Congreso anterior no decidió el lugar o no fué pedida la organización por los asociados de alguna localidad; y, si la petición hubiese partido de varios puntos, se elegirá la localidad que aconsejen las circunstancias para el mayor y mejor resultado del Congreso.

Determinado el lugar del Congreso, los asociados de dicho lugar constituirán el Comité local organizador, que presentará, con la debida antelación, al Comité Central Ejecutivo un presupuesto aproximado de ingresos y gastos del Congreso, para su aprobación o rectificación, ya que H. E. A. no puede responder más que del déficit por ella



*JACA.—Moderna somera Universitato por fremduloj.*

previamente autorizado, por lo que el Comité local organizador cuidará mucho en su iniciativa que el programa del Congreso no abarque más que lo que sea viable, sin que esto quiera significar merma en las iniciativas del Comité local organizador, sino una saludable previsión que obliga también a huir de cuanto pudiera aparecer en pugna con los intereses y finalidades de H. E. A., puesto que el Congreso es de la Asociación.

La Directiva podrá nombrar un Comité central del Congreso en quien delegar cuanto a la organización del mismo afecte.

Terminado el Congreso, el Comité local organizador rendirá cuentas, con toda clase de comprobantes, al Comité Central Ejecutivo, y si resultase algún superávit, el 50 por 100 de éste ingresará en los fondos de H. E. A., y el otro 50 por 100 corresponderá a la Caja del grupo o Cajas de grupos esperantistas locales que hubieran contribuído, por medio de su representación, a la efectividad del Congreso, y por partes iguales.

Art. 11. En estos Congresos o Asambleas la Directiva dará cuenta de su gestión; presentará las cuentas para ser examinadas por una Comisión de tres socios competentes, que dará cuenta de su misión a fin de resolver sobre aquéllas; se tratarán los asuntos de la Asociación previamente anunciados en el orden de discusión para las sesiones de trabajo; en dicho orden de discusión se incluirán, por orden de fechas, las proposiciones que hayan sido presentadas por los socios al Congreso, y la proposición o proposiciones incidentales que surgieren en el desarrollo de los trabajos. En la discusión y votación de estos asuntos no podrán intervenir más que los congresistas socios de H. E. A. Las conclusiones o acuerdos serán publicados en el mes siguiente a la fecha del Congreso para conocimiento de todos los miembros de H. E. A., y solamente tendrán validez si, transcurridos DOS MESES a partir de la fecha de su publicación, no hubieran sido rechazados por la *mitad, más uno, cuando menos, de los socios de H. E. A.*

El Congreso o Asamblea puede tratar sobre asuntos de interés general esperantista que no afecten directa ni indirectamente a la existencia de H. E. A.; y en las sesiones en que sean tratados podrán intervenir con voz y voto cuantos congresistas en ellas intervengan, sean o no miembros de H. E. A., nacionales o extranjeros. Los acuerdos tomados, con validez absoluta, serán trasladados a H. E. A. con el ruego de ponerlos en vía de realización, incluso solicitando la colaboración de las Asociaciones nacionales de otros países, las Internacionales, etc., etc.

(*Continuará*).

# GRAMATIKAĴOJ

## IV

*Kompleksa subjekto* estas vorto, aŭ aro da vortoj akompanataj de ia vorto determinanta aŭ eksplikanta ĝin, plipreciziganta ĝian sencon: ekz.: La kupra statuo estas multvalora; la orfa infano estas senhejma; la senelira strato ŝajnis suspektiga groto. *Nekompleksa subjekto* estas vorto aŭ vortoj ne akompanataj nek modifataj de ia ajn vorto determinanta aŭ eksplikanta ĝin, aŭ preciziganta ĝian sencon, kaj povas esti *simpla*: ekz.: La gramatiko estas la arto paroli aŭ priskribi lingvon; kompaso taŭgas por navigacii; printempo rejunigas la arbojn; aŭ *malsimpla*: ekz.: La cikonio kaj la hirundo estas birdoj; Hundo kaj kato manĝis kuniklon; vintro kaj somero estas sezonoj de la jaro.

La determinanta aŭ preciziga vorto de *kompleksa* subjekto estas duklasa, nome: *idea* kaj *juĝa*. La *idea* povas esti *esprimata*: 1e. Per *poseda* genitivo: ekz.: La amo de patrino estas mistera; la vango de la knavino estis ĉarma; la koloro de la oranĝo estas karaktereca; 2e. Per poseda adjektivo: ekz.: La patra konsilo kortuŝas la filon; la dolĉa mielo delogas la muŝojn; la ruĝa dianto ĉarmas la revemulojn; 3e. Per ablativo regata de prepozicio: ekz.: Statuo el marmoro kostas multe da mono; la akvo de la fonto turgiĝis kota; kuko kun mielo estas nauza; ĉapelo sur la kapo ornamas azenon; kukumeto en vinagro ekscitas la apetiton; belulino sen sano estas kompatelveka; heredaĵo trans la maro revigas la naivulon; 4e. Per pronomo posesiva, demonstrativa, aŭ nedifina: ekz.: Mia domo estas tre sunumita; ilia ĉevalo lamiĝis; tiuj ĉi ludoj instruas la knabojn; tiuj birdoj estas transflugantaj; kelkaj fungoj estas nemanĝeblaj; ĉiuj lupoj persekutas la ŝafinojn; 5e. Per kvalifikanta adjektivo: ekz.: La bela fraŭlino milde parolis; la senkultura homo estas ankaŭ kreitaĵo de Dio; la pia kristano atingos la ĉielon; 6e. Per participo: ekz.: La vundita pasero mortis en la kaĝo; la premiita studento ĝoje saltadis; la mortante amiko adiaŭis siajn kunulojn. La *juĝa* determinanto estas propozicio pliprecizigante la sencon de la subjekto: ekz.: La junulo, kiun ni vidis hieraŭ, estas pentristo; la virino, kiu leviĝas frumatene, estas laŭdata; la sinjoro, al kiu apartenas la bieno, naskiĝis en afriko.

La *eksplikanta* vorto de la subjekto estas vorto aŭ vortoj akompanantaj la elementojn de la propozicioj ne limigante ilian amplekson, sed plialtigante ilian econ: ekz.: La *terura* kolero dekonigis la armeon; la *sangavidaj* tigroj disŝiris la kaptitaĵon; la ruza vulpo sin kaŝis en la ŝafejo. Ĝi ankaŭ povas esti duklasa, nome, *idea*, kiam oni eksplikas la subjekton per adjektivo: ekz.: La vivega ĉevalo sentime kuradis; la laborema abelo zumadis la tutan tagon; la turtino ameme kveris;

kaj *juĝa*, kiam oni eksplikas la ideon per *relativa* propozicio: ekz.: Eŭropo, kies milito subigis la tutan mondon, estas preskaŭ mortanta; la hundo, kies fidelecon vi laŭdas, forlasis vin; la pasero, kiu marŝas salte, estas birdo; aŭ per *intermetita* propozicio: ekz.: Via amiko, Dio lin protektis ciuokaze, perfidis vin; la profesoro, kvankam li estas plenaĝa, laŭdis la lernanton; Napoleono, neniam li estis malkuraĝa, mortis en Sankta Heleno.

La predikato sammaniere povas esti *simpla*: ekz.: La salmo estas fiŝo; la rivero estas larĝa; la maro estas trairebla: kaj *kunmetita*: ekz.: La vulpo estas rapidmarŝa kaj ruza; la mustelo estas karnomanĝanta kaj maldikkorpa; la kandelabro estis luksa kaj plurbranĉa. Kiam la predikato estas *kunmetita* aŭ malsimpla, oni povas ĝin apartigi en tiom da simplaj propozicioj, kiom da specialaj ecoj ĝi entenas: ekz.: Jezukristo estas Dio kaj homo = Jezukristo estas Dio, kaj Jezukristo estas homo; la naturo estas mirinda, fruktodona, saĝa, surpriziga = la naturo estas mirinda, la naturo estas fruktodona, la naturo estas saĝa; la naturo estas surpriziga; la logiko estas scienco kaj arto = la logiko estas scienco, kaj la logiko estas arto.

Kompleksa predikato estas tiu, kiu havas determinatan aŭ eksplikantan vorton: ekz.: La tero estas loĝejo de la homo; Sankta Tereŝio estas doktorino de la Eklezio; la tauroj estas furiozaj bestoj; la genioj estas torĉoj, kiuj lumigas la homaron; la fino de la vivo estas la senkarna morto. Ni konsideru propozicion enhavantan simplan, kunmetitan, nekompleksan, kaj kompleksan subjekton; kaj simplan, kunmetitan, nekompleksan kaj kompleksan predikaton: Kaleŝo estas veturilo = subjekto simpla kaj nekompleksa, predikato simpla kaj nekompleksa; la kaleŝoj kaj la fiakroj estas veturiloj = subjekto kunmetita kaj nekompleksa, kaj predikato simpla; La logiko estas scienco kaj arto = subjekto simpla kaj predikato kunmetita kaj nekompleksa; la domo estas senĝena kaj sunplena = subjekto simpla kaj predikato kunmetita kaj nekompleksa; Ludoviko estas malsana, malĝoja, kaj senforta = subjekto simpla kaj predikato kunmetita kaj nekompleksa. La surtuto el lana drapo kaj la botoj el kaŭĉuko estas utilaj kaj konfortaj = subjekto kunmetita kaj nekompleksa, kaj predikato kunmetita kaj nekompleksa; la antikva kaleŝo de la Caro kaj la nuntempa aŭtomobilo de la reĝo estas elegantaj kaj senĝenaj veturiloj = Subjekto kunmetita kaj kompleksa, kaj predikato simpla kaj kompleksa; la kvarradaj droŝkoj de Ruslando kaj la durada ĉaro de norda Hispanujo estas malrapidirantaj kaj nebelaspektaj transportiloj = subjekto kunmetita kaj kompleksa, kaj predikato kunmetita kaj kompleksa. La predikato, do, kaj la subjekto de propozicio povas esti simpla, kunmetita kaj kompleksa.

*Gramatika* subjekto kaj *gramatika* predikato estas la simpla subjekto kaj la simpla predikato; *logika* subjekto kaj *logika* predikato estas la kunmetita aŭ kompleksa subjekto, kaj la *kunmetita* aŭ *kompleksa* predikato: ekz.: La tre ĉarma, bonega kaj rava ŝtofo de la novaj vestoj de la Reĝo estis belega teksaĵo de la trompantaj fremduloj: La *gramatika* subjekto estas *ŝtofo*, kaj la gramatika predikato estas *teksaĵo*. La *logika* subjekto estas «la tre ĉarma, bonega kaj rava stofo de la novaj vestoj de la Reĝo, kaj la *logika* predikato estas» belega teksaĵo de la trompantaj fremduloj.

SENTAŬGULO

(*Daurigota*).



*Gotika pordo de Kapelo en la Monaĥejo San Juan de la Peña, apud Jaca.*

TUTMONDA LITERATURO

# PRI MEZEPOKA RELIGIA LEGENDO

Unu el la grandaj utiloj de E. estas ĝia efiko sur la kampo de Kompara Literaturo. Grandaj verkoj—ĉefe prozaj—de grandaj popoloj, facile trovas tradukantojn: sed, kiel malfacile oni trovas ilin, eĉ mezbonajn por poeziaj verkoj, kaj kiel nekonataj restas la verkoj de malgrandaj nacioj! Kaj, tamen, en ties literaturoj estas rimarkindaj juveloj.

Tiel, mi pensadis, leginte en Belga Antologio (Flandra parto) la «Legendon de Beatriso» kies tradukinto, en lerta klarigo pri ĝia deveno kaj de ĝi inspiritaj verkoj, denombras francajn, germanajn, anglajn kaj nederlandajn prilaborojn; sed ne la kelkajn hispanajn. Sendube la tradukinto ignoris la verkojn altemantajn, aperintajn en Hispanujo; ne tro stranga afero, ĉar mi konfesas ke ni ignoris ankaŭ la (laŭ montraĵo) belegan flandran verkon, ne nur mi—kiu estas aspirantino al lernanto de Literaturamatoro—sed ankaŭ Universitanino, specialista pri la fako, al kiu mi demandis la aferon.

Ŝajne la unuan provon pri legendo de delogata monaĥino, anstataŭ kiu deĵoras Sankta Dipatrino, oni trovas en la «Cántiga 94» (Kanto 94) de reĝo Alfonso X la Saĝa (XIII jarcento). La legantoj ja scias ke Alfonso X estis kandidato al Germana Imperio, vojaĝis en Germanujon kaj eble inspiris sin en la originala legendo de frato Caesarius. Do la flandra kaj la hispana legendo el sama fonto ŝprucas.

Por denove renkonti la legendon, ni devas salti al XVII jarcento, ora jarcento. Tiam en la Kiĥoto de Avellaneda—daŭrigo de la Kiĥoto de Cervantes, kaj kies apero devigis la Princon de Hispana literaturo aperigi la duan kaj lastan parton de tiu mondfama verko—en tiu falsa Kiĥoto oni trovas epizodan novelon «Los felices amantes» (La feliĉaj geamantoj) kun simila disvolvo.

Ne multe pli malfrue, la fama komediverkisto Lope de Vega, alnomata «la Fenikso de la Spritulojn» pro la abundo de siaj verkoj, prezentas komedion «La buena guarda o la encomienda bien guardada» (La bona zorgo aŭ la deĵoro bone zorgata), samteman.

Sed el ĉiuj tiuj verkoj, la plej fama, la plej popolkonata en Hispanujo, pro sia nuntempeco, kaj tiu, kiu plej trafe imitas la originalan mezepokan formon estas «Margarita la Tornera» (Margareto la Turnilistino), de José Zorrilla (1817-1893).

Pri tiu-ĉi mi intencas fari mallongan sintezon. Mi bedaŭras ke la artikolo iom tro longa rezultas; sed mi pensas ke por la flandraj samideanoj estos kurioza; por la alilandaj, agrabla, kaj por la hispanaj, alloga, kaj ke, fine, oni indulgos min.

La legendo konsistas proksimume el 3.000 versoj, ĝi estas dividata

en 9 partoj aŭ kantoj, tre malsame longaj. Ĝi estas verkita plej grandparte per oksilabaj versoj, sed estas ankaŭ dekunu-kaj sep silabaj. Ankaŭ la strofoj estas tre variaj; nome: hispana *romance'o*, kvarversaroj, okversaroj diversformaj, staneo k. t. p.

Laŭ la mezepoka moro, la verko komencas per alvoko al «Altega kaj mistera Spirito» kaj al Sankta Virgulino, al kies laŭdo estas verkita. Post, ĝi prezentas la junulon Don Juan de Alarcón, sola filo de virta sinjoro Don Gil de Alarcón. La fraŭlo estas—kiel la fama hispana delogulo Don Juan Tenorio—amindumema, diboĉa, malpacema, mallaborema. Li studis en Universitato, sed baldaŭ forlasis librojn, kaj nun li loĝas kun sia patro en urbeto Palencia, plej ema al delogi knabinojn kaj edzinojn ol al akompani la patron en liaj virtoj. Tamen li iras kun Don Gil al la kontraŭa monaĥinejo, por ĉeesti la Sanktan Meson. Iun matenon, kiam li revas pri mondaĵoj, apogata sur la ĥoreja krado, li aŭdas post si voĉon, ke li surgenuiĝu, li obeas, sed komencas interparolon kun la parolinto-juna monaĥino. Allogata per tia nova aventuro, li petas al la monaĥino ke ŝi aŭskultu gravan sekreton, pro la honoro de Dio kaj de la monaĥinoj. La naiva fratino promesas atendi lin post la krado, meznokte, kiam la aliaj dormos.

La horo alveninte, Don Juan parolas pri ŝia beleco kaj lerte flatas ŝin rakontante pri la mondo, la festoj kaj la amo; kiam la knabino estas jam duone ĉarmita, li konfidas al ŝi terurajn okazintaĵojn: alveno de malamikoj detruontaj preĝejojn kaj monaĥejojn, kaj ke li ŝin savos, kondiĉe ke li silentu, ĉar ŝia vivo, danĝeras pro turmentoj kaj punoj. La timigita fratino konsentas. Ĝi estas nur 17 jara kaj depost 6.ª jaro en la monaĥinejo; sed ŝi rememoras pri la vivo de sia patrino, pri aliaj fraŭlinoj; amo, lukso, plezuro tentas ŝin. Fine, ia nokte ŝi forkuras, sed trairante koridoron ŝi trovas la altareton, sian preferatan preĝlokon. Ŝi plore preĝadas kaj petas protekton kaj bedaŭras ke inter la aliaj fratinoj ne estas alia Margareto por ke la lumo ĉiunokte brulu. Ŝi ekbrulas kandelon, lasas la ŝlosilojn kaj kuras.

Margarita, Don Juan kaj Don Gonzalo, amiko kaj kunlernanto de Don Juan iras al Madrido, kie dum 6 monatoj vivas diboĉe kaj malŝparas la monon. D. Juan, enuiĝinta de Margarita amo amindumas artistinon. Jan nokton, kiam Margarita estas restinta hejme; en diboĉa bankedo oni parolas kaj oni malkovras ke Margarita estas fratino de Don Gonzalo. Duelo inter la du viroj sekvas kaj Don Juan mortigas Don Gonzalon.

Don Juan kaj Margarita kuras pro timo al la tiama polico. Du tagojn poste, kiam Margarita vekas en ia gastejo, la servistino anoncas ke Don Juan foriris. La malfeliĉa junulino sopiras retrovi lin kaj vojaĝas denove al Palencia, kie ŝi pensas li estas kun lia patro. Geedzoj hazarde troviĝantaj en la gastejo kondukas ŝin en sia kaleŝo.

En la lasta kanto, unu al la plej belaj de la legendo, Margarita, apud monaĥinejo spionas la domon de sia aminto, kiam ŝi observas religiulinon nekonatan: ŝi pensas ĉu la aperantino estas ĵus alveninta monaĥino. Dolĉa ekstazo prenas Margarita'n, ŝi sentas sin konsolata, feliĉa, senĉagrena. Fine Margarita aldemandas la monaĥinon, kaj suprize aŭdas sian propran historin: Ke ŝia nomo estas Margarita, ke ŝi estas samaĝa, ke ŝi estas turnilistino de post unu jaro kaj monaĥinon depost dek... Ŝi terenfalas, aŭdas la voĉon de Dipatrino kaj denove vivis «Sen plia mondo ol turnilo kaj altaro».

Se oni komparas la flandran kun la hispana legendo, oni trovas kelkajn rimarkindajn diferencojn; nome: La deloganto estas en la flandra, amiko de ŝia junaĝo; en la hispana, viro ĝis tiam nekonata; la flandra Beatryx vivas sep jarojn kun sia amato; la hispana nur ses monatoj; Beatryx havas du infanojn, kiujn ŝi devas lasi en la mondon; Margarita ne trovas tiajn malhelpojn por readopti la monaĥinan postenon; Beatryx, forlasita, devas vivi diboĉan vion por nutri siajn infanojn; Margarita honeste revenas al Palencia kaj neniun alian viron ŝi amas, ĉar la kavalireco de la geedzoj savas ŝin el la vojaĝaj danĝeroj.

Multe pli oni povus verki pri tiu afero; eble ian tagon mi provos traduki kelkajn pecojn. Hodiaŭ mi devas fini, kun la averto ke tiu, kiu interesus pri la temo, povas konsulti la verkon de Çotarelo (hispane verkita) «Una Cántiga célebre».

AMALIA NÚÑEZ DUBÚS

## AMUZAJOJ

### KVARLATERO

X X X
X X X
X X X

Anstataŭn la steletojn per silaboj, kaj oni povos legi horizontale kaj vertikale: 1ª Insekto el la familo de la egalglugilaj, ĝi *kantas* somere. 2ª Remaĉanta mamberto, tre utila en la dezerto. 3ª Kaŭzi tre malagrablan korpan senton (verbo).

Solvo al la enigmo de la antaŭa numero: CIGANO — CIGNO.

Trafis la solvon la gesamideanoj:

F-no Amparo Remohí, el Cheste.
S-ro Eduardo Cano, el Madrido.
S-ro Vicente Perles Moncho, Nacia Instruisto, el Aguarón.
S-ro Luis Palacios, el Aguarón (vilaĝa Sekretario).